





# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)



## EN LA NUMERO:



JARO · 27 · 1988 N-RO 2

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

PREZIDANTO - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio ORF, poŝtfako 700, A-1041 WIEN

VICPREZIDANTO - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Borovo bl. 219, 1v. B, BG-1680 SOFIO, Bulgario

ĜENERALA SEKRETARIO - Donĉo Ĥitrov, str. Ĥan Asparuh 61 BG-1000 SOFIO, Bulgario, tel.: 88-30-82

SEKRETARIO-KASISTO POR OKCIDENTAJ LANDOJ - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, CITADELLA (Padova), Italio

ESTRARANOJ -

Lech Kosieniak, ul. Piekna 16 b/9, PL-00-539 WARSZAWA, Pollando

Joachim Schulze, Ringstrasse 71, DDR-7010 LEIPZIG, GDR

Vasilij Stanoviĉ, str. Samborska 78, kv. 34, 293720 DROGOBIC, Lvovskaja oblastj, Sovet-Unio (5614)

Stano Marĉek, Red. "Esperantisto Slovaka", Sobotské nám. 6, CS-058 01 POPRAD, Ĉeĥoslovakio

Evgeni Georgiev, str. Baĉo Kiro 35, II, BG-1202 SOFIO, Bulgario

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIO, kv. Borovo bl.219,vĥ.B, Bulgario, tel. 56-58-77

KOREKTIS: Jordanka Keremidĉieva

E N H A V O de n-ro 2-1988:



Sur la unua kovrilpaĝo: Budapeŝto - urbo de la 11-a Ĝenerala Konferenco de MEM

Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa "INTERNACIA ĴURNALISTO" aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!

# AL NOVAJ SUKCESOJ DUM LA DUA JARCENTO DE ESPERANTO

En Varsovio pasintjare, dum la Universala Kongreso de Esperanto ni solene adiaŭis la unuan jarcenton. Nun, sur la sojlo de la dua jarcento ĉiuj landoj, fakaj Esperanto-asocioj planas kaj promesas dum la nova jarcento eklabori pli fervore kaj atingi pli grandajn sukcesojn en siaj organizaj, propagandaj kaj kulturaj laboroj.

Ankaŭ nia kara Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio – TEĴA - devas prepari sin kaj siajn planojn por sia estonta aktiveco. Ja ni scias, ke la sukcesoj ĝenerale de la Esperanto-movado en la mondo plej parte dependas de la aktiva laboro de la amaskomunikiloj-esperantistaj kaj nacilingvaj. Do - la teĵanoj en ĉiuj landoj devas ekstari sur siajn postenojn kaj laŭplane ekagi, ĉiu en sia landa organizaĵo-ĵurnalista kaj neĵurnalista - por la plenumo de siaj batalaj taskoj. Sur siaj postenoj komprenеble plej energie eklaboru ankaŭ la estraroj de TEĴA kaj ILEF kaj ankaŭ la redakcio de nia amata "Internacia Ĵurnalisto".

TEĴA jam estas 42-jara, nia organo "Internacia Ĵurnalisto" - 30-jara jubileulo kaj ILEF - preskaŭ 20-jara.

Plej gravaj niaj taskoj kiel batalantoj en la amaskomunikiloj, krom la organizaj, estas ankaŭ la jenaj: ni devas kontribui al la disvastigoj de konoj kaj faktoj pri la monda lingvo-problemo, pri ĝia solvo per Esperanto. Tio estas precipe nia destino kiel ĵurnalistoj. Due, ni devas organizi fakajn naciajn kaj internaciajn renkontiĝojn kun ĵurnalistoj-neesperantistoj kaj aktiviĝi en la naciaj kaj internaciaj ĵurnalistaj asocioj, en kiuj ni povus krei E-sekciojn. Trie, ni devas regule publikigi studojn kaj artikolojn en la nacilingvaj amaskomunikiloj pri la bonaj kvalitoj de Esperanto kiel internacia lingvo, kiu povas ĉiuloke kaj ĉiuokaze esti uzata kiel laborlingvo dum internaciaj kunlaboraj kunvenoj. Ĉiuokaze ni povas ankaŭ prezenti objektive la gravan rolon kaj la atingojn de UEA kaj subteni aktive ĝin en diversaj ĝiaj grandajn kampanjojn.

Per niaj ĵurnalismaj verkoj - artikoloj, raportaĵoj, vojaĝimpresoj, fotografaĵoj, filmoj

k.a. materialoj, per personaj renkontoj kaj renkontiĝoj ni povas decide influi al la ne-esperantista socio agnoski la realan utilon de Esperanto kiel lingvoponto inter la homoj en diversaj landoj, reciproke interkonatiĝi kaj ĉiurilate kunlaboradi en amika paca atmosfero en la kampo de la kulturo, komerco, scienco, tekniko ktp.

Ni devas ankoraŭ diskonigadi la iniciatojn de niaj organizaĵoj kaj klopodi pri kiel eble plej amasa partopreno en ili, ekz: jarkunvenoj dum UK de Esperanto, simpozioj pri ĵurnalismo kaj Dua Internacia Filmfestivalo en Vraca, Bulgario k.a. Oni abonigu kaj kolektu jarabonojn kaj jarkotizojn por "I.Ĵ." kaj ILEF de niaj membroj kaj sendadi la kolektitajn sumojn al la koncernaj adresoj (por okcidentaj landoj - al la sekretario-kasisto d-ro Dino Fabris, Italio; por la socialismaj landoj - al la Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio.Oni organizu dum naciaj E-aranĝoj kaj kongresoj filmprezentojn kaj foto-ekspoziciojn de membroj de ILEF.

La redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" lastatempe renkontis diversajn obstaklojn - malfruiĝo pro manko de papero, presejo ktp. Tamen vi estu certaj, ke ni venkos la malfacilaĵojn kaj la organo aperados regule kaj bonkvalite. Tion ni povas efektivigi nepre ankaŭ per la helpo kaj regula kontribuado de la membroj de TEĴA kaj precipe de la estranoj kaj la aktivuloj de nia asocio kaj ILEF.

En Nederlando ĉi jare okazos ordinara TEĴA-renkontiĝo. Per estrara cirkulero ni sciigos al la membroj pri ĝi.

Kiel ni sciigis en "Internacia Ĵurnalisto" la jarkunveno de nia TEĴA pasintjare elektis novan estraron.

En la nova estraro estas bonaj ĵurnalistoj kaj fidelaj al nia E-agado kaj movado. Per ilia helpo ni efektivigos niajn planojn kaj taskojn. Gekolegoj, viaj novaj ideoj kaj sugestoj estas ĉiam afable bonvenaj kaj kun dankoj akceptataj! Ni atendas.

Nun al ĉiuj membroj de TEĴA kaj ILEF kaj al la estraranoj ni bondeziras fortan sanon kaj fervoran sindonan aktivadon dum la Dua Jarcento de Esperanto! Ek al novaj sukcesoj dum tiu E-Jarcento!

Iv. ESPEROV

## ĴURNALISMO ANTAŬ BJALISTOKA INTERNACIA E-CENTRO

UNESKO proklamis "Jardekon de Kulturo" (1988-1997).

Kaj E-movada kulturo asimiliĝis nature kaj firme kun siaj tri centroj: Gresillon - La-Chaux-de-Fonds - Pisanica...

Sed jen ascendis al la movado 100-jara jubileo longe kaj avide atendata. Kaj surprize, kvazaŭ el "korno de abundo" elŝutiĝis multego da donacoj, granda kvanto da novaĵoj. Kiel fea admiraĵo trafulmis la jubilea 72-a UK Varsovia. Kaj E-movado, ŝajnas, unuafoje en sia vivo direktis rigardon al si mem kun digno kaj fiero. Seriozigo kaj maturiĝo mirigis eĉ ĝin mem. Senlacaj kaj senripozaj adeptoj-samideanoj komencis kompari sian aĝon kun tiu de sia idolo - la adorata lingvo kaj rimarkis, ke ili ĉiuj fariĝis pli junaj,ol la lingvo...

Kaj intertempe UNESKO disvolvas sian programon de kulturaj aranĝoj, enkadre de la "Jardeko". Kaj E-movado kiel UNESKO-ano ankaŭ enpensiĝis pri la sama temo.

Subite post la fajroverka Dua rezolucio de UNESKO superkariljonis la herolda alvoko de Roman Malinovski - la prezidanto de Pollanda Parlamento pri glora iniciato: krei Bjalistokan Internacian Kulturan E-Centron. Do, la Kvaran!

Eĉ la proklamo de Azia E-Kulturejo (la Kvina!) restis en ombro kompare kun la kvara.

Ĉar tiu nova revelacio iel simbolplene unuigas en si renomajn agojn kaj eventojn el pasinto, estanto kaj sekve estonto, ĝi laŭte kunsonas kun la nova pensmaniero, kun la serĉo de vojoj por amikeco inter popoloj, interkompreno de popoloj kaj entombigo de nukleaj nigroj. Kaj vere ĝi konkordas kun vastaj popolaj agoj kaj streboj por interkompreniĝo kaj interkomunikiĝo.

En la aero eketosis printempo kaj marŝas samkadence movadoj sub standardoj kun krucstrekitaj nukleaj monstroj. Estas nova aŭroro!

La Kvara Internacia E-Kulturejo naskiĝas samkiel naskiĝis Esperanto mem. Kaj la historio tenas en siaj analoj, kiel doktoro Zamenhof dum fajraj tagoj

de la Unua mondmilito sendis sian epistolon el la sama Pollando, al diplomatoj kun persvado - ĉesigi senhomecan hombuĉejon. Tiamaj diplomatoj ridete reagis al dolora donkiĥota voĉo de l'naiva doktoro. Sed la popoloj en sia historio kaj en siaj koroj konservis tiun akcion kiel unu el la aŭdacaj pugnomontroj al Moloko de militoj. La nuna Bjalistoka epopeo estas samdimensia, kaj samimpresa, kaj samimpona sociaĵo.

Mi ekpensas pri la gazetoj de la E-movado - tuta strio de ili traflugas antaŭ okuloj. Kaj inter ili ankaŭ fiere siluetas nia "Internacia Ĵurnalisto". Dume ankoraŭ modesta kaj ne tro impona eksteraĵo, ĝi tamen entenas potencajn eblecojn elpaŝi kun alvoka rolo, ĝi ja estas rebrilo de forto en moderna Mondo de Soci-opinio.

Kaj sur paĝoj de tiu modesta presorgano ekĝermis grava iniciato kunsimfonianta en la sama historia kaj etosa kleo.

La "Jardeko de Kulturo de UNESKO" koncentras kulturfortojn de la mondo, kaj kulturfortoj de E-movado apelas al adekvata realigo.

Sojle de nova epoko eksvagis silueta ideo de Eŭropa reunuiĝo en multaj pacaj streboj. Fakte Nova Renesanco de Eŭropo! Kaj la ideo, ke ĝuste esperantistoj hastu kiel pioniroj al unuaj spaliroj de tiu movado aŭ fluo, ke ĝuste ili portu la torĉon de nova iniciato estas tute natura laŭ ties universalaj amikigaj ebloj. Ĉio ĉi vokas ke ĝuste E-organizaĵoj de ĉiuj eŭropaj landoj estu baptopatroj de nova E-magazino "Eŭropo". Evidente la realaj àrkitektoj de la nova E-Centro - la Bjalistoka - enpensiĝos sidante super kompilo de ties laborplano.

Sed jen historio kaj sub ĝia egido UNESKO malfermis novan paĝon en la kultura historio. Kaj evidente ĝuste por Bjalistoka E-Centro estas laŭforte kaj laŭrespekte instali sidejon de "Eŭropo" en sia sino.

Estis jam esprimita deziro, ke BEA kaj prezidanto de EVA faru la unuan vivigan impulson. Sed nenio malbona estus, se ili unuigus siajn fortojn tiamaniere, ke la impulso startu el la Bjalistoka Internacia E-Centro sub la strebo, ke E-beletro havu sian indan tegmenton.

Multaj homoj, multaj presorganoj estas jam kaptitaj de la ideo pri vojoj kaj rimedoj por flankenpuŝi konfronton kaj pro-

mocii konkordon, interkomprenon, interkonsenton kaj kunlaboron. Ankaŭ esperantistoj esprimas tiujn ideojn. Laŭ sia naturo ili ne povas ne esprimi kaj ne pripensi paŝojn por tio.

Ja Esperanto estas lingvo. La ĉefa koncerno de la lingvo estas interkompreniĝo. Tiel magazino "Eŭropo" en la lingvo, naskita en Eŭropo kaj de tie penetrinta en tutmondon, igos Eŭropon la parto de tuthomara kulturo.

Kaj memkompreneble, la nova Internacia E-Centro estos en "kubuta solidara kunmarŝo" kun la ekzistantaj E-kulturejoj (Gresillon - La-Chaux-de-Fonds - Pisanica) kaj same kun ĉiuj proksimaj kaj malproksimaj estonte naskiĝontaj E-kulturejoj en ĉiuj kontinentoj. Ili kune pionire kaj avangarde marŝos al tiu Nova, kiun aspiras, atendas kaj pretas apogi per siaj ŝultroj ĉiuj homoj de bona volo en ĉiuj proksimaj kaj malproksimaj landoj.

N.DANOVSKIJ

## FORPASIS NIA KAREGA NIKOLAJ F. DANOVSKIJ

Jen la korŝira letero de la amata edzino de Danovskij:

21.5.1988

Tre estimata Familio Keremidĉiev,

Per granda animodoloro mi transdonas al vi la tristan sciigon pri la morto de mia edzo Nikolao Fadeeviĉ.

Li forpasis la 2-an de majo je la 22,30 h. pro la dua infarkto. Jam la 6-an de majo ni lin enterigis en tombejo de nia familio sur la bordo de maro laŭ lia deziro. Al la tombo lin portis ambaŭ miaj filoj kaj iliaj amikoj-junaj sciencistoj.

Mia forpasinta edzo tre ŝatis vin kaj mi dankas vin pro ĉio bona, kion li spirite ricevis de vi ambaŭ.

Kun koraj kaj tristaj salutoj

Via Anna Arsovna.

Red.noto: Kara kaj trista Anna Arsovna, kiel ĉiela fulmfrapo batis nin via letero kaj sciigo pri la forpaso de nia ege amata samideano, kolego kaj frato Nikolao. En nia nomo kaj de niaj infanoj, de niaj kolegoj -TEĴA-anoj ni eldiras niajn sincerajn kondolencojn al vi kaj al la parencoj kaj amikoj de nia Nikolao. En la sekva n-ro de "I.Ĵ." ni aperigos artikolon pri Danovskij.ikolao

## "LA ESPERO" – 75-JARA
## (1913 – 1988)

Sveda Esperanto-Federacio fondiĝis en 1906. Svedaj Esperanto-gazetoj en tiuj unuaj jaroj estis: "Esperantisten", redaktata de P.Ahlberg 1906-08. Post lia transiro al Ido, "Dana Esperantisto" servis kiel organo de SEF. La jarojn 1910-12 John Lundgren en Hedemora eldonis la gazeton "Sveda Esperantisto". En Helsingborg G. H.Backman sporade eldonis sian "Esperanto-Folket" 1911-12.

Per la naskiĝo de "La Espero" finfine solviĝis la problemo pri federacia organo. Estis la Esperanto-societo de Gefle, Juna Espero, kiu en la jaro 1913 aperigis la unuan numeron de "La Espero". Ĝia redaktoro estis la tiam 18-jara Rudolf Pehrsson, kiu spertiĝis per eldonado de la kluba gazeto "Esperanto-Folio". Pro lia militservo, la redaktoran laboron transprenis John Lundgren (1915-18) sekvata de Paul Nylén (ĝis 1920).Dum ĉi tiu tempo,la presejo estis en Gävle ĝis 1919, kiam oni translokiĝis al Stockholm por esti pli proksime al la nova redaktoro. Henning Halldor en 1921 ekgvidis la sorton de la federacia organo. Estante jam redaktoro de sveda fakgazeto, li posedis gravan sperton pri redaktado kaj eldonado.

Kiam Halldor eksiĝis de sia posteno en junio 1927, Paul Nylén konsentis denove provizore redakti, ĝis kiam oni trovos novan entuziasmulon. En Ludvika loĝis kaj laboris tiam Bernhard Eriksson kiel presisto. El lia presejo jam aperis kelkaj jarkolektoj de "La Espero". Kiam li translokigis sin kaj sian presejon al Stockholm, montriĝis bona solvo elekti lin nova redaktoro.

La unua virina redaktoro fariĝis Eva Julin, kiam ŝi en oktobro 1938 akceptis tiun honoroficon. Ŝi kuraĝe strebadis dum la militaj jaroj ĝis novembro 1946. En februaro 1940 la verda koloro de la frontpaĝo malaperis - por ŝpari monon - sed ĝi reaperis en 1946, samtempe kun la nova redaktoro Oskar Svantesson. Li eltenis ĝis 1950, kaj dum serĉado de posteulo, provizore redaktis Sune Ahlm (estante estro de Eldona Societo). Ek de aprilo 1951 Bengt Joelsson estis preta surpreni la gravan taskon kunordigi la redakcian

materialon. En julio 1953 li tamen petis eksiĝon kaj la redaktora stafeto estis transdonita al la tutsvedie kaj internacie konata Tiberio Morariu. La redaktorecon akceptis Äke Blomberg, kiu sekvis post la eksiĝo de Tiberio en 1969. En julio 1977 Franko Luin kiel nova redaktoro donis novan aspekton al kaj la ekstero kaj la interno de la gazeto. En novembro 1983 Karin Lindquist transprenis la redaktoran titolon, kaj kune kun sia redakcia komitato ŝi daŭre gvidas la entreprenon, provante pluenliveri "La Esperon" al novaj generacioj.

Ĉar "La Espero" jam nun certe estas unu el la plej aĝaj daŭre aperantaj esperantaj revuoj, ni kun fiero povas ĝojkrii: Ni neniam perdos "La Esperon"!

Sune W. AHLM

Koncize el "Espero", 2/1988

---

GAZETARA SERVO DE BEA

La proceso de renovigo kaj rekonstruado, efektiviĝanta en ĉiuj sferoj de la soci-politika kaj kultura vivo en Bulgario, rilatas ankaŭ la strukturojn kaj la agadon de Bulgara Esperantista Asocio.

Jam en januaro j.k. okazis plenkunsido de la Centra Estraro de BEA, kiu akceptis gravajn rezoluciojn pri fundamentaj ŝanĝoj en la organiza strukturo de l' asocio kaj pri ties estonta agado en- kaj eksterlande. Estis kreitaj kvar ĉefaj komisionoj, nome: Komisiono pri Organizaj Aferoj, Komisiono pri Internaciaj Rilatoj, Komisiono pri Instrulaboro kaj Komisiono pri Idea-Eduka Agado. Ĉe tiu lasta komisiono estis kreita Gazetara Servo, al kiu la Centra Estraro de BEA komisias gravajn taskojn pri propagando kaj informado de la tuteca por- kaj per-esperanta agado en la lando. Gvidanto de la Gazetara Servo estas Donĉo Ĥitrov, ĝenerala sekretario de TEĴA kaj eksa ĉefredaktoro de revuo "Bulgara Esperantisto".

La teamon de la Gazetara Servo ĉe BEA konsistigas spertaj esperantistoj-ĵurnalistoj kaj redaktoroj: Georgi Miĥalkov - ĉefredaktoro de la Eldonejo ĉe BEA, Maria Jankova - ĉefredaktoro de revuo "Bulgara Esperantisto", Evgeni Georgiev - redaktoro de la bultenoj eldonataj de BEA,

Slavĉo Davidov - ĉefredaktoro de bulgarlingva bulteno "Esperanto-informoj", Veneta Baleva - redaktorino en revuo "Paco", Atanas Ilkov - redaktoro en revuo "Bulgara Esperantisto" kaj aliaj spertuloj pri gazetaraj aferoj.

Helpe de la Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj la Gazetara Servo havigis al si listojn de ĉiuj gazetoj, revuoj, radio- kaj televidstacioj en la lando, al kiuj estos sendataj informoj (en bulgara lingvo) pri ĉiuj pli gravaj kaj interesaj eventoj kaj aranĝoj de la bulgara kaj internacia Esperanto-movado. La Gazetara Servo ĉe BEA pretas havigi al apartaj redakcioj speciale menditajn aŭtorajn materialojn kaj fotografaĵojn pri konkretaj temoj kaj aranĝoj. Ĉiu GS-teamano respondecas pri konkretaj gazetoj, revuoj kaj radiostacioj, kun kies redakcioj ili havas kontaktojn.

La Gazetara Servo de BEA plenumas la taskojn de siaspeca informagentejo kaj estas modesta modelo por ceteraj E-asocioj, kiuj dezirus krei similan informcentron. Interŝanĝo de spertoj estas bonvola kaj kunlaborado dezirata.

Radi BANĈEVSKI

## SUKCESOJ DE NIAJ KOLEGOJ EN USSR

### Esperanta rubriko en soveta gazeto

La revuo "Soveta Uzbekistano" ekde la ĉijara 4a numero aperigos rubrikon, kiu estas nunmomente 1-paĝa, sed ĝi pligrandigeblas en la estonto. Esperanto-kurso aperados regule en 12 lingvoj samtempe (angle, arabe, darie, france, germane, hinde, hispane, perse, puŝtue, ruse, urdue kaj urbeke). La redakcio bezonas varman akcepton de la iniciato;petu informojn, abonu, proponu, skribu al: Sovetia Uzbekio, Lenin str.41, Taŝkent, USSR.

### Moskvaj novaĵoj

Laŭ pritakso de multaj homoj la gazeto Moskvaj Novaĵoj (ĝis nun konata kiel Moskovskie Novosti, Moskow News, Les Nouvels de Moskou, Las Novedadas de Moscu, Anba Mosku) nun estas la plej interesa periodaĵo de USSR. Ĝi aperas nun en 5 lingvoj, baldaŭ aldoniĝos 3 novaj, kaj la redakcio nun sondas la grundon eldoni ĝin ankaŭ en Esperanto.

Helpu al la redakcio realigi tiun iniciaton! Favore al la Esperanta versio de la gazeto urĝe

skribu al: Yegor Yakovlev, ĉefredaktoro, Moscow News, 16/1 Gorky str., Moskva, USSR.

Tra Soveta Ukrainio

Jen la titolo de nova ĉiumonata Esperanto-gazeto eldonata de la Ukraina Societo de Amikeco kaj Kulturaj ligoj kun Eksterlando. La ĉefredaktoro estas Vladimir Kovalenko, redaktoro Ala Stratjeva. La n-ro enhavas diversajn aktualaĵojn pri "perestrojka" kaj aliaj problemoj. Adreso: SU-252021 Kiev-21, Ukrainia Respublika Filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (URF de ASE).

---

LA 11-a ĜENERALA KONFERENCO DE MEM

Ekde la 29a de aprilo ĝis la 1a de majo 1988 en Budapeŝto okazis la 11-a Ĝenerala Konferenco de Mondpaca Esperantista Movado. Ĝin partoprenis 186 esperantistoj el 18 landoj.

Dum la okazintaj plenkunsidoj oni emfazis la grandan danĝeron rezulte de akomulo de enorma detrupovo de nukleaj armiloj, la konstantan plialtigon de la militaj elspezoj mondskale kaj la bezonon de premo fare de la pacmovado progresigi la malstreĉiĝon en la mondo.

Kun aparta kontento oni atentigis pri la graveco de la subskribita Kontrakto pri forigo de usonaj kaj sovetiaj raketoj kun meza kaj mallonga atingopovo.

La 11-a Ĝenerala Konferenco de MEM subtenis ĉiujn iniciatojn pri sukcesa apliko de la interkonsentoj de Helsinki, la intertraktojn en Ĝenevo por redukto per 50 % de la strategiaj nukleaj raketoj kaj la pridiskutatan ankaŭ en Ĝenevo malpermeson de la kemiaj armiloj.

La Konferenco, esprimante la opinion de la esperantistoj pacbatalantoj, kondamnis ĉiujn formojn kaj manifestiĝojn de rasismo kaj rasapartigo en Sud-Ameriko, en la teritorioj, okupitaj de Israelo kaj aliloke en la mondo, kie ili akiras kriman aspekton.

En la nomo de paco la 11-a Ĝenerala Konferenco de MEM alvokis la esperantistojn batali plenforte por ĉesigo de la regionaj militoj kunlabore kun la pacmovadoj.

Oni fondis Komisionon pri agado en la Azia-Pacifika regiono.

Ties prezidanto elektiĝis Dmitrij Perevalov (Sovet-Unio).

En la nova estraro de MEM estis elektitaj: d-ro Imre Pethes (Hungario) - prezidanto de MEM, William Gilbert (Francio), Claude Glady (Belgio) kaj Skupas Algimantas (Sovet-Unio) - vicprezidantoj, Clement Tholet (Belgio) - ĝenerala sekretario, Syozi Nauba (Japanio) kaj Fani Miĥajlova (Bulgario) - sekretarioj.

Evgeni GEORGIEV

---

BALKANAJ TERTREMOJ

Ne ekzistas evento, kiu kaŭzas pli grandan hororon kaj senhelpemon al la homo ol la sismaj katastrofoj. Ili trafas subite kaj rapide, senigante lin je ebleco reagi saĝe. Ili detruas la instinkton por firma apogo, la tersurfaco kaj la sekura azilo - la domo - transformiĝas en fonton de minaco.

Laŭ la statistiko sur la Tero ĉiujare okazas po 1 katastrofa tertremo, 10 ege ruinigaj, 100 ruinigaj kaj 1000 difektigaj.

Balkana Duoninsulo, kiel parto de la vasta Alpo-Himalaja sisma zono havas intensan sisman vivon. La plej antikva tertremo, pri kiu ekzistas informoj, okazis en la 1410 a.K. La historiaj dokumentoj montras, ke ĝi akompanis la erupcion de la vulkano Santorino. Laŭ la ruinigoj kaj la ŝanĝo de la reliefo, kiujn ĝi kaŭzis kaj la ondoj cunamoj, kiuj inundis la insulon Tira, oni taksis ĝian fortecon kiel proksime al la maksimuma ebla - 11 grado laŭ Medvedev-Sponhener-Karnik (MSK). Tiu evento estas unu el la hipotezoj por la drono de la fama Atlantido.

Kiel konsekvenco de la terskuo de 464 a.K. en Peloponeso, Greklando, Herodoto skribas pri grandegaj inundoj, ampleksintaj vastan teritorion kaj kaŭzintaj morton de multaj homoj. Entute la kontinenta parto de nuna Grekio kaj la egeaj insuloj suferis ofte je fortaj tertremoj. En Korinta golfo en 551 aperis cunamoj; en ĝia regiono en 856 pereis 45000 homoj. En 1861 post forta tertremo norde de la golfo aperis dislokiĝo, direktita orientokcidenten. La regiono de la norda flanko dronis 2 m. La lasta serio de fortaj tertremoj dum februaro 1981 ankaŭ kaŭzis gran-

dajn fendojn kaj difektojn. Notindaj sismaj katastrofoj de la 11a grado okazis sur insulo Kritio en 1856, kiam aperis cunamoj kaj la fokuso havis longecon de 1450 km, kaj en la regiono de Rodos - 1380 km; en 1881 - sur Hios; 1894 - Lokris, 1886 - Okcidenta Peloponeso. Dum nia jarcento la plej forta greka tertremo kun grado 7,7 laŭ Richter okazis en 1926 sur Rodos. Pro ĝia granda profundo, ĝi estis perceptita tra la tuta Sud-Eŭropo, inkluzive de Bulgario kaj kaŭzis detruojn en Egiptujo, Suda Grekio kaj insulo Kritio.

En 1956 fortega tertremo kun grado 7,4 laŭ Richter en Cikladoj detruis la loĝejojn sur la insuloj. La norda parto de la Egea maro estas aparte aktiva dum la lasta jardeko. La daŭra tertrema serio dum 1978 portis detruojn kaj viktimojn en Tesaloniki kaj la ĉirkaŭaj loĝlokoj, kaj la ĉe-



La plej grandaj tertremoj sur Balkana Duoninsulo dum la homa historio

fa skuo de la 20a de junio kun grado 6,5 laŭ Richter estis sentita en tuta Suda Bulgario.

La ruinigaj tertremoj la 17an kaj 27an de decembro 1981, la 18an de januaro 1982, la 17an de januaro 1983 kaj la 6an de aŭgusto 1983 estis sentitaj sur granda teritorio.

La eŭropa parto de Turkio estas ankaŭ sismoaktiva regiono. Ekzistas informoj pri sisma katastrofo en la regiono de Marmora maro en la jaro 543; kaj en 555 cunamoj estis priskribitaj en Konstantinopolo. Laŭ kronikoj la turkoj penetris Eŭropon dank' al... tertremo. Longe ili sieĝis sensukcese la fortikaĵon Galipoli, sed ĝiaj bravaj defendintoj rezistis kontraŭ la atakojn. Senesperigitaj, la osmanoj emis rezigni la sieĝon, kiam subite Allako helpis ilin - katastrofa tertremo de 11a grado en Marmora maro detruis la fortikaĵajn murojn kaj ili konkeris la urbon. Jen kiel unu tertremo povus estiĝi fatala por tiom da multaj popoloj. En la sama loko en 1912 okazis fortega tertremo de 10a grado. Pli malfortaj ol ĝi, tamen ankaŭ danĝeraj, estas registrataj regule de la sismografa reto.

La teritorio de Jugoslavio ankaŭ ne estas indulgita de la tertremoj. Diference de la grekaj kaj turkaj, ili havas malpli da energio, tamen estas malprofundaj kaj kaŭzas grandajn detruojn kaj viktimojn en la epicentra regiono. Skopie estis ruinigita multfoje - en 518, 1555, 1963 (kun 1200 mortintoj), sed kiel fenikso reviviĝis el la ruinaĵoj. Simila estis la sorto de Banja Luka 1968. La longa serio dum 1980 kaŭzis grandajn damaĝojn en Montenegro kaj Albanio, kaj la nombro de la viktimoj estis granda.

Specifikaĵo de la tertremoj en Vrancea, Rumanio, estas ilia granda fokusa profundo - 100 km kaj pli. Pro tio la regiono de percepto estas kolosa, kaj la regiono de ruinigoj eliras el la landlimoj de Rumanio. La skuo de la 31a de aŭgusto 1986 6,9 grado laŭ Richter estis registrita en 287 sismostacioj en la mondo. Ĝi kaŭzis grandajn detruojn en la regino de Vrancea kaj Bukareŝto. Pli ol 55 000 konstruaĵoj estis difektitaj kaj 12 500 homoj restis sen tegmento en la regiono de Kiŝinev-Kagul. La tertremo estis perceptita kiel tre forta tra la tuta Bulgario. Kaj la tertremo 7,2 grado laŭ Richter de la 4a de marto 1977 estis unu el la plej fortaj en Eŭropo. Registrita en ĉiuj mondaj stacioj, ĝi estis sentita en Helsinki, Romo, Ateno. Ĝia grado en Bukareŝto est-

is 10a, en Sviŝtov kaj Ruse - 8a grado, Sofio - 5-6a. Pereis 1700 homoj, 33 000 domoj estis detruitaj aŭ difektitaj.

Multaj el niaj nuntempuloj travivis ankoraŭ unu rumanan tertremon de la 10a de novembro 1940 kun grado 7,3 laŭ Richter kun preskaŭ la samaj makrosismaj efektoj.

Laŭ la monda statistiko Bulgario estas klasifikita kiel duagrada sisma kompare kun la najbaroj. Malgraŭ tiu unu el la plej fortaj terskuoj en Eŭropo kun grado 7,8 laŭ Richter okazis ĉe ni en Kresna-intermonto - la 14an de aprilo 1904. Bedaŭrinde la priskriboj de atestantoj en la epicentro estas malabundaj, ĉar tiam tiu tero estis sub turka regado; sed en Sofio la grado estis 8a. Dum 1928 la Supra Traca Ebenaĵo estis areno de serio de tertremoj - la 14an kaj 18an de aprilo en Ĉirpan kaj Popovica kun gradoj 6,7 kaj 7,0 laŭ Richter kaj makrosismaj gradoj 9a kaj 10a, kiam pereis 100 homoj kaj la damaĝoj estis grandaj. En Popovica formiĝis drono de la regiono ĝe ĉirkaŭ 3-4 m. En la regiono de Sofio estis notitaj fortaj tertremoj de 8a-9a grado en 1818, kiam la serio de la postskuoj daŭris ĝis la mezo de la sekvonta jaro; 1858 (9a grado), kiam formiĝis la termofontoj, okcidente de Sofio. La tertremo de la 18a de oktobro 1917 estas de 7a-8a grado, la regiono de percepto estas ĉirkaŭ 70 000 km². La lastaj relative fortaj sofiaj tertremoj kun gradoj 4,2 kaj 4,6 laŭ Richter okazis en junio 1962 kaj en januaro 1965.

Unu el la plej grandaj sismaj katastrofoj, kiujn Bulgario memoras, estas tiu de la 14a de junio 1913, kiu detruis Gorna Orjaĥovica kaj kelkajn apudajn vilaĝojn. La grado estas 7,0 laŭ Richter kaj la maksimuma intenseco laŭ MSK - 9a-10a grado. Tiu sisma regiono denove vekiĝis la 21an de februaro 1986. La tertremo en Straĵica kaŭzis la detruon de kelkaj vilaĝoj, kaj la plimulto de la konstraĵoj en la urbo ruiniĝis. La serio de la postskuoj daŭras jam 9 monatoj. Tiam okazis la skuo de la 7a de decembro 1986, kiu detruis la difektitajn konstruaĵojn.

La sismologoj el balkanaj landoj esploras la sismecon de la regiono kun la celo mapigi la sismodanĝerajn lokojn. Iliaj penoj estis kunordigitaj en Balkana projekto de UNESKO, kiu en

la 70aj kaj la komenco de la 80aj jaroj prilaboris la mapojn de la sisma regionado de la Balkana Duoninsulo. La lastan vorton tamen havas la konstruantoj - ili devas projekti kaj konstrui konforme al la establitaj sismorezistaj normoj.

D-ro Daniela DENEVA

---

## "ESPAROL"

En la Budapeŝta Teknika Universitato esploristoj ellaboris la aŭtomatan sintezon de Esperanto. La sistemo ESPAROL povas eldiri kun konvena intonacio ĉiujn esperantajn tekstojn skribitajn laŭ la normala ortografio; ĝi prononcas ankaŭ numerojn kaj aliajn specialajn signojn troviĝantajn sur la klavaro (=,+,%, ktp.).

Per simpla programo en la programlingvo BASIC oni povas voĉigi pli longajn tekstojn ankaŭ kun variabloj; paroligi la maŝinon diversrapide flustre aŭ raŭke, eĉ eblas enprogrami kantojn.

La sistemo konsistas el aparato konektebla al mikrokomputilo Commodore "64 aŭ "128 kaj el programo sur disketo. (Tiu ĉi tuto estas nun ekvendata kontraŭ 350 DM*). La varianto por IBM persona komputilo kaj al ĝi kongruaj estas evoluigata. (La enmetembla karto kun programo kostos ĉ.550 DM). Laŭ nia scio ESPAROL estas la unua parolsinteza produkto por vaste uzataj mikrokomputiloj.

La sistemon eblas konekti kun optika legilo ellaborita en la hungara komputika esplorinstituto SZKI. Tiel malbone vidantaj aŭ okupitaj homoj povas aŭskulti komputile laŭtlegitajn tekstojn.

La evoluigantoj de ESPAROL Ilona Koutny, d-ro Gábor Olaszy kaj d-ro Lászlo Czapp laboras nun pri aplikoj kun studentoj. Pretiĝas parolanta instruprogramo por Esperanto kaj ludoj uzeblaj en instruado. Ĝi povas servi ankaŭ en la provlegado de komputile kompostitaj tekstoj.

Ĉiu uzanto mem povas fari simplajn Basic programojn por utiligi la parolkapablon laŭ siaj deziroj.

Pluaj informoj ĉe I.Koutny (Budapeŝta Teknika Universitato, Budapest, Stoczek u.2, H-1111).

---

*En Hungario ĉ. 7000 FT.

LIBERA TRIBUNO

## Pri piratado de Esperantaj libroj

Anonceto aperinta sur pĝ. 3 de MONATO (10/87) komenciĝas per la malkuraĝigaj vortoj "Kia mizera libromerkato!". Nu, tiu karakterizo ja estas relativa kaj dependas de kiu komercas per Esperanto. Ĉefredaktoro Maul en sia analizo de la Esperanta libromerkato bedaŭrinde preteratentis unu aspekton de la produktado kaj disvendo de Esperantaj libroj, kiu ne estas "mizera"; male, ĝi estas profitdona - sed nur por la eldonantoj - ne por la aŭtoroj. Temas pri la piratado de verkoj en Esperanto.

Laŭ raportoj en la Esperanta gazetaro, pirata eldonado de Esperantaj libroj ekzistas.Tiu speco de eldonado estas nomata pirata , ĉar la verkoj estas publikigitaj sen permeso de la aŭtoro, kiu ricevas neniun tantiemon. La piratAj verkoj ekzistas sendepende de la rajtigitaj eldonoj kaj tiel alportas grandan profiton al la pirat-eldonistoj.

La 15-an de majo 1987 mi skribis jene al Tibor Sekelj, la prezidanto de Esperantlingva Verkista Asocio (EVA).

"Mi nun kolektas donitaĵojn pri piratado de Esperantaj libroj por verki artikolon. Mi jam legis en Esperanto pri du landoj, kie la piratoj faras sian filaboron nuntempe. Kvankam UEA scias pri tiu neetika agado, ĝi ankoraŭ ne publike kondamnis tion. Mi ne scias, kion faras la eldonistoj por defendi sian kopirajton. La dua alineo de paragrafo 9 de la Statuto de EVA tekstas jene: "EVA kontraŭas literaturan piratadon kaj agas favore al la aplikado de internacie rekonitaj konvencioj tiurilataj." Mi deziras citi tiun frazon en mia artikolo. Ĉu vi scias pri tiu piratado? Se jes, kiun starpunkton prenos EVA por ĉesigi ĝin? Se vi ne scias pri la landoj, kie jam estis publikigitaj piratAj eldonoj, vi povas akiri tiun informon kune kun la titoloj de la verkoj, de Simo Milojeviĉ en la CO de UEA. Estus utile, se mi povos inkludi en mia artikolo protestrezolucion de EVA."

Ĝis nun mi ne ricevis responDon de la prezidanto de EVA. Mi nun prezentas la demandon al la legantoj de Internacia Ĵurnalisto. Kion ili opinias pri la piratado de Esperantaj libroj kaj kiel estas eble malhelpi ĝin?

Bernard GOLDEN

## el nia leterkesto

Estimataj amikoj,

Mia nomo estas Wu Chang Shen (Uĉangŝen), 51-jara, membro de UEA. Antaŭ 12 jaroj mi estis instruisto de Changsha-a Fervoja Kolegio. Nun mi estas radio-inĝeniero de Hunana Elektronika Instituto, membro de Ĉina Elektronika Instituto. Krom tio mi estas ankaŭ ĵurnalisto ĉe Informa Ĵurnalo pri Komputiloj kaj de Ĉina Elektronika Ĵurnalo.

Mi estas direktoro de Hunana Esperanto-Asocio kaj konstanta direktoro de Pekina Veterana E-Asocio, kolektanto de historiaj materialoj, ĉefredaktoro de "Veterana Esperantisto" de Pekina Veterana E-Asocio kaj prezidanto de Changshaa Esperanta Filatelista Ligo. Gazeto "Ĉina Drako" estas organo de ĈEFL. Mi estas gvidanto de E-kurso kaj mi varme esperas fariĝi membro de TEĴA kaj ricevadi "Internacian Ĵurnaliston".

1988 estas jaro de Drako de Ĉinio, Internacia Turisma Jaro de Pekino. Ni varme bonvenigos amikojn en Pekino kaj Changsha. Mil dankojn.

Mi esperas ricevi la gazeton "Internacia Ĵurnalisto".

Sincere via: Wu Chang Shen

Saluton, karaj geamikoj!

Al vi turnas sin la administraro de nia Murmanska E-klubo. Ni scias pri via E-aktivado preskaŭ nenion. Pro tio ni ege petas vin informi nin pri la aktivado kaj la taskoj de TEĴA kaj "Internacia Ĵurnalisto". Ĉar en nia E-klubo estas membroj, kiuj interesiĝas pri viaj aktivecoj, bonvolu informi nin kion kaj kiel ni devas pagi eventuale al vi.

Antaŭdankante ni esprimas al vi niajn korajn salutojn kaj bondezirojn.

Nia adreso estas: Sovetunio, SU-183038 Murmansk, Kultura Palaco "S.Kirov", str.Puŝkina - 3a, Junulara Kultura Centro Esperanto.

---

Respondo de TEĴA kaj la redakcio de "I.Ĵ":

Karaj amikoj de la Murmanska E-klubo, ni sendos regule nian organon "Int.Ĵ-sto" al via adreso.

OFICIALA INFORMO DE LA AKADEMIO

Prepoziciaĵo por la subjekta suplemento

1-e: Post ita/ata/ota-vorto, la aganto estas indikata per DE. Ekzemple, ŝi estas amata de ĉiuj. (6-a Regulo de Fundamenta Gramatiko).

2-e: Post o-vortoj, DE povas indiki la aganton, se neniu alia koncernato estas ebla. Ekzemple, la kanto de la birdoj, la projekto de la inĝenieroj (Fundamento),la parolado de la oratoroj,k.s.

3-e: Por indiki la aganton post o-vortoj en aliaj kazoj,la plej ĝenerale akceptita formo estas FARE DE. Ekzemple, la akcepto de la kongresanoj fare de la urbestro; la traduko de Hamleto fare de Zamenhof.

La Direktoro de la Sekcio pri Gramatiko Michel DUC GONINAZ
La Prezidanto D-ro A.ALBAULT

---

HEROLDO DE ESPERANTO

Kiel informas s-anino Ada Righiera-Sikorska, ekde nun la nova adreso de la redakcio de Heroldo de Esperanto estas: "Heroldo de Esperanto", Vie N.Sandre 15, I-10078 Venaria R.-Torino (Italio).

Pagojn sendu al la Landaj perantoj, al la poŝtĉekkontoj belga, Bruselo 000-0078887-26;germana: Köln 194943-504, aŭ: A.Sikorska -"Heroldo", conto 32108, Banco di Roma, via Alfieri, Torino (Italio).

---

RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

En USSR oni eldonis en Esperanto la gravajn verkojn de Mihail Gorbaĉov-ĝenerala sekretario de CK de KPSU:

- „Oktobro kaj rekonstruo: la revolucio daŭras",
- „Realo kaj garantioj de la sekura mondo",
- „Renovigan ideologion por la revolucia rekonstruo", kaj
- „Surbaze de plena egalrajteco, suvereneco, reciproka respekto" - parolo de Gorbaĉov en Beogrado, marto 1988. La libretojn tradukis sovetiaj esperantistoj. Ili kostas de 10 ĝis 20 kopekojn.Ilin eldonis APN.

---

Funebro pri Prof.D-ro Paul NEERGARD

La renoma sempatalogo kaj eminenta esperantisto, kiu mortis 80-jara la 13an de novembro 1987 en Kopenhago. Membro de la Honora Patrona Komitato de UEA de post 1980 kaj Akademiano jam de 1934.

■■■